// INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

33a jaro Septembro - Oktobro 1981 N-ro 5




La T.G.V. en Francio

foto "Vie du Rail"

# LA TGV
## (Tre Granda Rapideco)
### en Francio

La 26.2.81 la trajno TGV atingis dum testo, la rapidecon de 380 km pohore, kaj tio estas la plej alta en la mondo pri transporto per relo.

Ek de la 27.9.81 la nova linio kun tiu trajno, inter Parizo kaj Liono (Lyon) estas je la dispono de la publiko; la maksimuma rapideco estas 260 km pohore, por ŝpari la elektran energion. Tamen, nur 2 horoj 40 minutoj sufiĉas por iri de unu urbo al la alia, kaj funkcias unu trajno ĉiuhore.

Tiu linio estas preskaŭ rekta, sen trak-nivela pasejo, sen tunelo. Ĝi devigis alporti 100.000 tunojn da reloj, 1.500.000 tunojn da ŝpaloj, 5.900.000 tunojn da balasto, 700.000 metrojn da bariloj, 8 viaduktojn, 450 pontojn, sed .... 1 sola trako de Parizo ĝis Lyon.

Ĉiu TGV-trajno havas 10 veturilojn: 2 elektrolokomotivojn (1 je ĉiu ekstremo) kaj 8 vagonojn, kiuj entute havas 386 sidlokojn (275 en 2a klaso kaj 111 en 1-a klaso). Oni disponas nun pri 87 similaj (aŭ preskaŭ) motor-trajnoj.

Tiu nova linio estas la unua kaj baldaŭ TGV iros tra la tuta sud-orienta Francio, kaj el Svisio oni atingos Parizon post nur 4-hora vojaĝo.

Nova koncepto de la transporto sur reloj, nova ekonomio de energio, novaj klientoj por la fervojoj, ...... TGV jam konkurencas efike la aviadilojn kaj la aŭtojn. Ĝi alportas novan esperon al la prospero de la francaj fervojoj (SNCF).

Red.

---

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretariejo: E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.
Redaktoro:
Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, F-78420 Carriéres/Seine.
Bankkonto: Provinsbanken, Konto 7353-350550, DK-9800 Hjørring.
Poŝtĉekkonto: 1 25 80 36, IFEF, Tolne station, DK-9891 Tolne.

# RAPORTO DE FAKPRELEGA KOMISIONO DE IFEF

(en la teksto mallongigita: FK)

Sabate la 16an de majo okazis la ordinara kunsido laŭ la oficialigita tagordo, kies nova punkto unu "Aktualaĵoj el via lando" estis speciale interesa kaj tial priskribita en raporto por si mem. Pri la ceteraj tagordpunktoj estis diskuto inter alie pri FK-statutoj kaj kunlaboro estontece, sed samopinie la kunvenantoj substrekis la valoron de fakprelegoj kaj promesis klopodi kiel eble plej vaste utiligi kaj publikigi niajn fakprelegojn, kaj prefere per la tuta teksto. FK povas konstati, ke la kunlaboro kun TK (Terminara Komisiono) kaj la ĉefestraro estas bona. Tio tre valoras i.a. en la organiza kaj revizia laboro pri fakprelegaj aferoj. La kunveno finiĝis per reelekto de gvidanto: G. Thuesen, sekretario: G. Ritterspach.

- - - - - - - - -

## Aktualaĵoj el via lando

En januaro ĉiu lando ricevis de Fakprelega Komisiono inviton partopreni fakan kunvenon en Regensburg kun tiu speciala celo: Raporti/prelegeti pri fervoja aktualaĵo el sia lando dum ĉ 3 min kaj poste dum ĉ 2 min respondi al evt. demandantoj. Alia ebleco ankaŭ estis doni klarigojn al jam prezentitaj fakprelegoj, se io de la enhavo aliiĝis en la tempo post la prezentado.

De nia granda laborejo kun multvariaj geologiaj kaj geografiaj cirkonstancoj, labormetoda evoluo, modernigado kaj raciigado, lokomotivoj kaj vagonoj, porpersonaraj favorigoj ktp estas multe rakonti unu al la alia. Kial ne per Esperanto en niaj kongresoj klarigi/aŭdi pri tiuj interesaj temoj? Per tiuj ĉi linioj FK denove petas kaj rekomendas al ĉiuj landoj partopreni en 1982. Memoru, estas eble ankaŭ sendi tekston aŭ demandojn, kaj FK peras la prezentadon. Ĉar la rajton partopreni en la kunveno havas ĉiu kongrespartoprenanto, la FK-anoj necese en ĉiu lando kunagu por la interesa tasko pri: Aktualaĵoj el via lando. ATENTU - ke nun eblas en ĉiu IFEF-kongreso sciigi pri nacia, fervoja aktualaĵo. Estas unika ŝanco, kies enhavon ĉiuj landoj povas influi tute laŭ emo aŭ intereso.

De nia 33a en Regensburg, kie la kunveno okazis unuafoje, FK kun ĝojo povas raporti, ke por 25 personoj 1½ horoj urĝe pasis. Kolegoj al kolegoj prelegetis pri tre diversaj temoj ekde pramtrafiko kaj statistikoj pri transportrekordoj ĝis konstruado de nova fervojlinio. FK tre dankemas pro la kontribuaĵoj de SF, N, S, DK, D, YU kaj NL. Kelkaj landoj sekvis la peton pri anticipa alsendo de la teksto kaj tiel faciligis la taskon aranĝi la prelegetvicon varia kaj alloga. NL meritas laŭdon ankaŭ pro la iniciato, ke la teksto estis disdonita al ĉiu partoprenanto.

Kiam mi post la 33a en Regensburg havas la eblecon iomete taksi kaj komenti la aferon, tiam estas mia opinio, ke la

unua kunveno estis ne nur tre lerniga kaj valora, sed fariĝis des pli klara pruvo pri ideo, kiun ĉiuj povas partopreni kaj kunhelpe plibonigi, pliaktualigi ktp.

Venos niaj 34a, 35a, 36a ktp kongresoj, kaj ne estas tro frue jam nun pensi pri "Aktualaĵoj el via lando". Per ĉi-supraj linioj estas mia espero diskonigi, ke ĉiu kontribuaĵo, konsilo aŭ sugesto por nia venontjara kongreso jam nun tre bonvenas en Fakprelega Komisiono.

Gvidanto: Gunnar Thuesen,
Langekaervej 40,
DK-2750 Ballerup.

RAPORTO DE TERMINARA KOMISIONO - 33a IFEF-kongreso en Regensburg

La raporta periodo ekde la pasintjaraj terminaraj kunvenoj en America (NL) ĝis ĉi-tiu kongreso ampleksas plurajn fruktodonajn rezultojn.

Unuavice oni devas mencii, ke, sekvante nian tradukprogramon laŭ LG III kun 12000 terminoj, ĉiuj terminaraj kunlaborantoj plenumis siajn taskojn kaj liveris siajn tradukproponojn. La kompleto de bazaj folioj estas komuna verko de kvardeko de terminaraj kunlaborantoj el 14 landoj. Restis la reciproka recenzado de tradukproponoj, la traktado de dubaj terminoj kaj la finelekto de definitiva traduko per kelkaj literoj. La litero N estas jam en ĝia definitiva formo.

Grava helpilo kaj interligilo por tia granda traduklaboro estis la aperigado de Terminara Kuriero, kiu per sia 6-foja apero solvis la tajpad-, multobligad- kaj ekspedozorgojn de terminaraj kunlaborantoj informante ilin samtempe pri la stato de la traduklaboro.

Por trakti la dubajn terminojn, en Linz (Aŭstrio) okazis laŭvice la 7a interkongresa kunveno inter la 20a kaj la 22a de marto 1981. Partoprenis ĝin 9 terminaraj kunlaborantoj el 8 landoj. Ili laboris sub menciinde bonaj laborkondiĉoj po kvar horojn antaŭ- kaj posttagmeze kaj fintraktis 21 dubajn terminojn.

Per tio estas certigita la homogena recenzado de restintaj terminoj. La daŭrigo de tia fervora traduklaboro kaj reciproka kunlaboro de terminaraj kunlaborantoj, kun paralelaj kontaktoj kun UIC-instancoj esperigas, ke la esperanta traduko de fervojfakaj terminoj aperos en la IV eldono de LG. Dum la unua kunsido de TK en Regensburg, oni eĉ interkonsentis, ke ĉiuj terminaraj kunlaborantoj daŭrigu la traduklaboron surfrunte de ĝisnunaj aktivuloj. Esperanto do estonte ne plu postkuros.

En la raporta periodo nia TK donis la kompilanton por ĉi-tiu kongresa faka prelego. La tekston de kolego Ritterspach reviziis du terminaraj kunlaborantoj: Blondeaux el Francio kaj Sekereŝ el Jugoslavio. Evidente tio respegulas la efikan kunlaboron de TK kun la Fakprelega Komisiono.

Regensburg, la 18.5.81.

Inĝ. Ludoviko Sekereŝ




# ANKORAŬ PRI LA 34a IFEF-KONGRESO

En Internacia Fervojisto, n-ro 4, aperis la unuaj informoj pri nia kongreso en Balatonfüred, apud la hungara maro (Balaton-lago).

Ĉar ni ĝis redaktofino ne ricevis tro da informoj, ni jen resumas iom kaj pliklarigas kelkajn eble dubajn punktojn.

ALIĜILO

Aliĝilo - en nova eldono, ĉar tiu prezentita en Regensburg estis provizora - estas je dispono, kiam vi legas tiujn-ĉi liniojn. Se ne, demandu ĉe via landa asocio.

DATOJ.

La kongreso komenciĝos dimanĉe la 2an de majo kaj la fermo okazos jam vendrede, sed la aranĝo daŭros ĝis sabato, kiam okazos forveturo resp al postkongreso en Budapeŝto aŭ al la hejmo.

PROVIZORA PROGRAMO

| | | |
|---|---|---|
| Dimanĉe | 2/5: | Alveno, interkona vespero |
| Lunde | 3/5: | Ekumena diservo, inaŭguro, komision-kunsidoj.<br>Vespere: ŝipveturado. |
| Marde | 4/5: | Nepublika Komitatkunsido - Duontaga ekskurso - Libera vespero. |
| Merkrede | 5/5: | 1-a plenkunsido - Fakprelego - Filmo - Balo. |
| Ĵaŭde | 6/5: | Tuttaga ekskurso.<br>Vespere: fervojistaj kulturgrupoj. |
| Vendrede | 7/5: | 2a plenkunsido. Terminara komisiono. Solena fermo de la kongreso.<br>Senceremonia adiaŭa vespero. |
| Sabate | 8/5: | Forveturo al Postkongreso aŭ aliloken. |

: : : : : : : : : :

KOTIZPAGADO

Grave estas, ke vi laŭeble utiligu la starigitan eblecon pagi al la IFEF-kasisto la kongres-kotizon, kaj NUR ĜIN.

Prefere uzu la poŝtĉekkonton (en pluraj landoj nomitan ĝirkonton) de IFEF. Se vi mem posedas poŝtĉekkonton, la transĝirado estas senpaga aŭ tre malkara. Se ne, vi devas iri al poŝtoficejo, sed ankaŭ tio es-

tas ne tro kosta. Dana poŝtĉekkonto n-ro 1258036 je la nomo: IFEF, Tolne station - DK-9891 Tolne, kaj nepre notu sur la pagilo - kongreskotizo por la 34a IFEF-kongreso.

En IF 4/81 erare estas skribita, ke vi kunportu al la kongreso la kvitancon de banko. Kompreneble, se vi uzos la poŝtan servon, temas pri kvitanco de poŝto. La plenigitan aliĝilon vi sendu al LKK de 34a IFEF-kongreso, Pf 7, H-1378 Budapest - Hungario.

Kongresontoj el la t.n. socialismaj landoj, bonvolu atenti pri la tieaj specialaj instrukcioj.

GLUMARKOJ

5 folioj de po 21 glumarkoj kostas egalvaloron de 10 ned. gld. = 29 dkr. Mendu kvanton de folioj, divideblan per 5, rekte ĉe LKK, kaj pagu al la IFEF-kasisto laŭ la maniero indikita sub punkto "kotizpagado".

VALUTO-ESPRIMOJ

Ke la prezoj estas indikitaj en nederlandaj guldenoj kompreneble ne signifas, ke vi devas pagi en tiu valuto. Oni faris tiel nur, ĉar tiu valuto estas relative stabila. Pagante pere de la poŝto al la IFEF-kasisto, vi menciu la egalvaloron en danaj kronoj aŭ en via propra valuto (prefere en danaj kronoj - 10 ned.gld = proks 29 dkr).

POSTKONGRESO EN BUDAPEŜTO

Ĝi okazos sabate 8/5 ĝis dimanĉe 9/5, sed ekzistas konfuzo rilate al limdato de aliĝo. Plurloke ni vidis indikon pri 31a de aŭgusto ĉijare. Sed tiu dato jam pasis, kaj ni atendas pliajn informojn de LKK.




Balatonfüred ĉe la Balaton-lago

## INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO SKISEMAJNO

27.2 - 6.3 1982

Franca Fervojista Esperanto Asocio organizas la 23an Internacian Fervojistan Esperanto Skisemajnon en Morzine.

La restadejo sufiĉe komforta, situanta apud la urbocentro kaj la skiliftoj, povas gastigi 78 partoprenantojn en 27 dulitaj kaj 8 trilitaj ĉambroj kun necesejo kaj duŝsaloneto. Aliĝis nun 70 personoj. Tio signifas, ke neniu plia kandidato povas esti akceptita, kiam vi legas ĉi tiun anoncon.

Oni jam povas konstati, ke la procento da Esperanto-parolantoj kaj -lernantoj estas grava.

Pro ekonomiaj kialoj en Francio la pensionprezo verŝajne estos iomete plialtigita. La partoprenantoj ricevos informojn pri tio kaj pri veturado al Morzine.

ADRESOJ

Informado: Gérard Horn, 75 rue Gabriel Péri,
F-93310 Le Pre Saint Gervais

Restadejo: Résidence Florimontane, Avenue de Joux Plane,
F-74110 Morzine.



La rezidejo "Flori Montane" en Morzine

## LINZA ESPERANTO SKI-SEMAJNO

L.E.S. okazas ĉiujare en Strussing (Aŭstrio). Sed pro forbruligo de la alpa domo Strussing, la venontjara LES okazos en la tute nova hotelo "Barbara-Hof" apud la vala seĝoliftstacio WERFENWEG, apud Bischofshofen.

Ĝi okazos de la 13a ĝis la 20a de februaro 1982.

Informojn kaj aliĝilojn mendu ĉe:

Johann Geroldinger, Strassham, Römergasse 19, A-4072 Alkoven.

# UNIVERSALA KONGRESO

Fervojista kontaktkunveno dum la 66a Universala Kongreso de Esperanto, Brasília, Brazilo, ĵaŭdo la 30an de julio 1981.

Sekvanta raporto estas sendita de Astrid Birkbak, sekretario de DEFA:

"La kunveno okazis en la salono Cseh.

Prezidis: Astrid Birkbak.

Partoprenis: 14 personoj el 8 landoj.

Tagordo: Raportoj pri la pasinta kaj la venonta IFEF-kongresoj.

Plue: Unu el ĉiuj landoj raportis pri la nuna situacio - faka kaj esperantista - ĉe la fervojoj.

Propono: Intencigi la klopodojn esperantigi precipe la junulojn, kiuj nuntempe pli amase dungiĝas ĉe la fervojoj.

Fine: Ni bedaŭras, ke ni ne sukcesis renkonti fervojistojn el Sudameriko - por ebla kunlaboro kun IFEF.

- - - - -

Kopio de la raporto al la Gazetara Servo.

---

Partoprenantoj de la fervojista fakkunveno en Brasília:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| El | Britio | s-ro Barks | kongresnumero | 1026 |
| | | - W H Simcock | - | 927 |
| - | Germanio | - H Schindler | - | 55 |
| | | - R Terjung | - | 728 |
| - | Finnlando | - Y Hiltunen | - | 1004 |
| - | Svedio | - B Bengtsson | - | 723 |
| - | Aŭstrio | ges-roj Scharf | - | 853 + 854 |
| - | Danlando | s-ro Erik Mortensen | - | 105 |
| | | ino Astrid Birkbak | - | 104 |
| - | Hungario | s-ro Ferenzcy | - | 396 |

+ 3 personoj, verŝajne nek fervojistoj, nek esperantistoj = 14.

---

# NEKROLOGO

Okc. Germanio

Je la 15a de julio 1981 mortis nia longjara membro Peter Hermanns, nur kelkajn tagojn post kiam li fariĝis 80jara.

Jam de post sia frua vivaĝo li estis esperantisto kaj dum multaj jaroj tre aktiva kiel kursgvidanto. Dum la kongresoj, kiujn li vizitis, li estis ĉiam ŝatata partoprenanto.

GEFA kaj IFEF perdis en li meritplenan membron.

Li ripozu en paco.

IFEF

# FERVOJA ANGULO

## Ĉeĥoslovakio

### Fervoja progreso ĉe ĉeĥoslovaka fervojo.

(el gazeto: Technický týdennik 1-1981 tradukis M. Blaĵek)

Projektanto-konstruisto inĝ Pavel Sudzina de lokomotiva fako de mondfama uzino Škoda en Plzeň jam de la jaro 1957 solvis pli ol 30 projektojn por ŝpari elektran energion pere de teknikaj konstrunovaĵoj, kiuj alportis por societa progreso 2.000.000 da kronoj.

La projektopropono konsistas de akomodo kontaktigi gradojn, malfortigi elektromagnetan kampon ĉe lokomotivaj tipoj 65 E 1 kaj 66 E 1. La aŭtoro malpliigis nombron de ŝaltiloj kaj atingis pli efikan ŝuntadon. La plua propono - ŝanĝi sinsekvon de rezistiloj por bremsreĝimo en lokomotivtipoj 66 E 1 kaj 50 E 1.

Por la bonaj efikoj dum lastaj jaroj estis inĝ Pavel Sudzina de uzino nomita "Plej bona progresulo" - posedanto de bronza medalo de la 1-a grado.

Li uzadas maksimume la novaĵojn de scienco kaj tekniko. En la fako de elektraj mezuraparatoj li estis nomita per titolo "Merit-progresulo" kun arĝenta medalo.

Jablonovská Anna

\- - - - - - - - - - - -

## Japanio

### Debuto de novtipa linearmotora vagono el Japana Nacia Fervojo.

En la eksperimento-centro de Japana Nacia Fervojo por levigânta fervojo, kiu troviĝas en la urbo Hyuga, gubernio Miyazaki, plej sudorienta parto de nia lando kaj esploras kaj evoluigas pri superrapida fervojo. La 17an de novembro la novtipa vagono linearmotora nomata MUL 001 debutis eltirate el de la inspektejo al la gvidvojo-eksperimentlinio.

La novtipa vagono estas planita kaj konstruita por la praktika uzo, celante efektive envagonigi la homojn. Ĝi anstataŭas la malnovan ML 500, kiu jarfine de 1979 kuris 517 kilometrojn hore kiel monda rekordo. Ĝi estas 10 metrojn longa, 3 metrojn larĝa, 3,3 metrojn alta kaj 10 tunojn peza, en ŝikaj dutonaj kun ruĝaj strioj surbaze de ebura.

Kapo de la vagono estas flulinia, same kun tiu de la nova trunklinio, kaj antaŭ la sidejo de la kondukisto estas larĝaj fenestroj. La posta granda spaco estas rezervita por la sidejo de la homoj, celante eksperimenton kun la homoj. Kaj por la eksperimento de la novtipa vagono la gvidvojo estas rekon-

struita de la inversa T-tipo al U-tipo, kaj nun la parto de 4 kilometroj el tuta longeco de 7 kilometroj jam estas konstruita.

Post la debuto la nova vagono kuras tirate de tirvagono por la unuafojo. De tiu tago dum duonmonato oni faris saman eksperiment-kuradon kaj ordigis la movon de la novaj maŝinoj kaj aparatoj, kiel ekzemple elektraj sistemoj. Kaj de meze de decembro oni faris netiratan eksperiment-kuradon de la linearmotora vagono.

Dum la jaro 1981 oni faros ekzamenon pri sekureco, stabileco de la vagono senhoma kurante je ĉirkaŭ 400 kilometroj hore. Kaj en 1982 oni faros eksperiment-kuradon de 3 kunligitaj vagonoj kun homoj.

El JELF n-ro 65
Bulteno de Japana Esperantista Ligo Fervojista

---

## KOLEKTANTOJ

La revuo "Kolektanto" estas organo de la sejcio de E-kolektantoj. Ĝi enhavas plej diversspecajn materialojn: lingvajn ekzercojn, interesajn legaĵojn, artikolojn pri hobioj, versaĵojn, kantojn, enigmojn, proverbojn, krucvortajn enigmojn, artikolojn pri belarto, fotado ktp.
La revuo zorgas ankaŭ pri la kolektado kaj kolektantoj - filatelistoj, filokartistoj kaj aliaj filo-istoj.

En ĝi oni povas trovi adresojn por korespondado kaj interŝanĝo.

Aperas kvarfoje dum la jaro.

Jarabono: 3 dolaroj aŭ egalvalora okcidenteŭropa valuto aŭ 12 respondkuponoj.

Adreso por abono:
Revuo "Kolektanto",
str. A. Ĵdanov 5,
BG-1000 Sofia - Bulgario

Adreso de la redakcio (por leteroj):
"Kolektanto",
bul. Hr. Botev 97,
BG-1303 Sofia - Bulgario.

# Anonceto

<u>Francio</u>

Esperanto-lernanto deziras interŝanĝi dometon en la franca montaro Pireneoj, kun aŭtomobilo, kontraŭ loĝejo kaj aŭtomobilo en eŭropa lando (krom Germanio kaj Skandinavio).

Periodo: somero 1982.

Skribu rekte al

Louis Ennode,
avenue de Tourreilles,
F-31210 Montrejeau - Francio.



# ESPERANTO KAJ TURISMO

## O.M.T.

**La Monda Turisma Konferenco - kunvokita en Manilo (Filipinoj)** de Organizo Monda por Turismo (OMT) de la 27a de septembro ĝis la 10a de oktobro 1980 - en kiu partoprenis 107 registaroj kaj 91 interŝtataj organizoj (kiel UN, Unesco ktp) en sia fina unuanime akceptita deklaracio eksplicite referencas al Esperanto kaj al ties rolo por faciligi la internacian komunikadon.

La sukceso estas rezulto de skriba propono submetita al OMT de la hungara Ministro pri Komerco, Vilmos Saghy, kaj estas sekvo de la aktiva konferenca agado de Marton Lengyel, mem esperantisto kaj estro de la hungara delegacio, helpata de Ĝian Carlo Fighiera, vic-estro de la konferencaj sekretariataj servoj de OMT.

La teksto pri Esperanto troviĝas en la parto B de la deklaracio de Manilo (la plej grava ĝisnuna turisma dokumento, kiu influos la turisman politikon de la ŝtatoj verŝajne ĝis la fino de la jarcento), sub ties ĉapitro pri la homaj rimedoj, kaj estas frukto de kompromiso, kiu fariĝis necesa post dusemajna batalado favore al la Internacia Lingvo.

La priparolita teksto konsistas el du partoj: en la unua estas substrekita la graveco de la turista "komunikado", en la dua estas agnoskata tiucele la graveco de la kono de la lingvoj, inter kiuj de Esperanto.

Flora Szabo-Felso
ĝen.sekr. de UEA

## LA DANUBA INSULO "ESPERANTO"

Antaŭ pli ol kvardek jaroj, proksime de la bulgara urbo Orjahovo, el la akvoj de la blua Danubo aperis sabla insulo. La fabela fenomeno ŝajnis esti miraklo. Iom post iom la insulo kreskis laŭ ĉiuj direktoj, estiĝante alloga punkto por publika promenejo. La unuaj konkerantoj de la senmastre teritorio estis la membroj de la loka esperantista societo "D-ro Zamenhof". Per kontrakto kun la Urba Komunumo la esperantistoj estiĝis laŭleĝaj posedantoj, dediĉinte kulturi la insulon - planti, konstrui k.a. Laŭ la sama kontrakto, la insulo ricevis la nomon "Esperanto".

La novaj posedantoj en mallonga tempo konstruis sur ĝia tereno turistan domon, lunĉejon, puton, transformante la insulan ripozejon por la loĝantoj de Orjahovo.

En 1934 sur la insulo okazis la nacia kongreso de la bulgaraj esperantistoj. La kongreson vizitis multaj fremdlandaj gastoj, kiuj admiris la naturan ĉarmon de la esperanta teritorio.

El "Interligilo"
organo de Internacia Poŝtista kaj Telekomunikista E. Asocio



PENSOJ

Kio al ni mankas estas ĝojo,
kion ni bezonas estas espero,
kio al ni necesas estas certeco,
kion ni sopiras estas optimismo.

\- - - - - - -

La homoj, al kiuj ni utilas,
donas al nia vivo la apogon.

\- - - - - - -

La sekreto de la sukceso = esti preta, kiam ĝi venas.

\- - - - - - -

Se oni ankaŭ nur devas penti la malbonajn malicaĵojn post la morto, la stultajn friponaĵojn oni jam pentas en ĉi tiu mondo.

\- - - - - - -

Kiu neniam suferis malfeliĉon, nur duone konas sin mem.

\- - - - - - -

Virino: Ĉu tio vere estas angla teo?
Vendisto: Tutcerte! Mi trinkis hieraŭ tason de tia teo, kaj dum la tuta nokto mi sonĝis pri Shakespeare.

= = = = = = =

GRAVAJ ENHAVAĴOJ



La redaktofino por la venonta IF estas 15.12.81.



Preso: Esperanto Centro Århus, DK-8000 ÅRHUS C.
Eldonas semajnan bultenon. Petu provekzempleron!